# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

14-a jaro (Numero 3) 1935
Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj)

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

**Redaktoro: E. J. BOLTJES.** Engelsche laan 30. **Winschoten** ((Nederlando)
**Administranto: P. KORTE.** Schoolstraat 13. **Veendam** (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544
**Prezidanto de TAGE: G. W. ROOME.** 21. Glenalmond Rd **Sheffield** (Anglujo)
**Sekretario de TAGE: W. H. MOOK.** Nassauplein 15a. **Groningen** (Nederlando)
**2-a Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gr). (Nederlando)

## Raporto pri la jaro 1934

En la jarraporto pri 1933 k-o Korte skizis la grandajn malfacilaĵojn kiuj al la nova laborkomitato baris la regulan laboron dum tiu jaro. En la pasinta jaro ni klopodis venki tiujn barojn, sed bedaŭrinde ne tute sukcesis.

La kaŭzo? — Precipe la krizo, kiu atakas ankoraŭ pli furioze multajn gekolegojn; kiu okazigis novajn salajro-malaltigojn, kaj tiel plipezigis la viv-cirkonstancojn. Pro tio multaj malabonis la gazeton, aŭ ne sendis monon, kvankam ili ricevis la gazeton, eĉ ne sendis ian vivsignon, kiam ili estis alskribitaj de la administranto. Pro tio multajn abonantojn ni ĉe la fino de la jaro forstrekis el la listoj. — Kvankam alvenis novaj membroj, ilia nombro ne estis sufiĉe granda, tiel ke la tuta membraro ankoraŭ plimalgrandiĝis.

Feliĉe la promeso de la laborkomitato ĉe la komenco de la jaro: regula apero de IPR, povis esti plenumata. Kvankam ĝi ne surhavas la belan veston de antaŭe, kvankam eble la enhavo ne plaĉas al ĉiuj, ĝi aperis. La kontakto inter la gvidantoj kaj la membroj funkciis sufiĉe regule. Estis tre bedaŭrinde, ke la membroj mem ne tiel kunlaboris kiel estas necese. La laborkomitato ne ricevis grandajn plendojn, nek multajn laŭdojn. Nur kelkaj sendis artikolojn kaj informojn por enpresigi en IPR. Por nia redaktoro ĉi tio ofte estas tre malagrabla, ĉar la manuskriptoj devas esti ĝustatempe en Budapeŝto. Necesa, absolute necesa estas la kunlaboro de multaj diverslandaj gekolegoj, por ke la enhavo de la revuo estu tre varia kaj por ĉiuj interesa. La redaktoro, kiu havas sian propran laboron, sola ne povas plenigi la gazeton. Li devas esti helpata de ĉiuj, kiuj povas verki artikolon, ĉu longan, ĉu mallongan, pri iu pedagogia aŭ instruista temo. Kaj tiaj kolegoj estas sufiĉe grandnombraj en niaj vicoj. Ili nur prenu kelkan tempon, kaj venku sian inerton.

Okazis, ke ni al kelkaj kolegoj petis sendi artikolon pri iu temo, kiun ili pritraktis en kunveno, kaj eĉ ne ricevis respondon je nia petskribo, kvankam estis enmetita respondkupono. Komprenu, kiel tiaj spertoj malfortigas la energion de la laborkomitatanoj, kiuj ne nur donis sian tempon sed eĉ devas doni sian monon por regule kunveni.

Feliĉe ne nur malĝojon ni renkontis en la pasinta jaro.

La plej grava fakto eble estas la federacia aliĝo de la Sveda esperantista instruistaro. Eble baldaŭ sekvos Jugoslavujo.

La korespondlistoj de IALA denove aperis kiel aldono al IPR. Bedaŭrinde estas, ke ne ĉiu numero enhavas liston, ni tamen esperas, ke tio baldaŭ realiĝos. Ankaŭ tio estas ebla, se ĉiuj anoj scias, ke la perantino de la usona asocio IALA, tuj pretigos novan liston, se alvenis sufiĉe da adresoj. Nia kara lingvo ne estas nur ludilo; ĝi povas havi grandan signifon en la internacia instruista movado kaj la interkomprenado de la popoloj. La geinstruistoj, la edukistoj de la junularo, ludas en tio tre gravan rolon. Uzu la okazon korespondi kun viaj alilandaj gekolegoj.

Feliĉe ankaŭ estis, ke kelkaj germanaj gekolegoj sin anoncis kiel memstaraj membroj. La historio kun la saksa kaj germana asocioj estas sufiĉe bone pritraktita de k-o Korte en la antaŭa jarraporto, mi do silentas pri tiu malbela afero. Ĝi kostis al TAGE kelkajn centojn da guldenoj; monon, kiun ni treege bezonas.

Kiam ni finfine preparas la bilancon pri la pasinta jaro, en kiu TAGE »festis« sian dekjaran datrevenon, ni povas diri, ke TAGE, malgraŭ gravaj atakoj kaj malgraŭ ne sufiĉa subteno, ankoraŭ vivas.

Ĉu ĝi plue vivos, tio dependos nur de vi, karaj gekolegoj. Se vi estas membro, unue restu fidela, sendu vian abonkotizon, se vi ricevas la organon; due verku artikolojn, por ke IPR fariĝu pli interesa por ĉiuj! Nun ne nur diru: jes mi faros, mi helpos la nederlandanojn! Sed FARU! TUJ! Kaj en la estanto!

Kaj helpu pligrandigi la nombron de la membroj. Nur se la kaso enhavas pli da mono, ni povos eldoni pli bonan IPR. Propagandu IPR! Propagandu vian fakan organizon!

Nur granda instruista esperantista organizo povos konvinki la aliajn grandajn instruistajn asociojn kaj la aŭtoritatulojn pri la graveco de Esperanto. *Mook.*

Sciigo:

Pro kelkmonata malsaneco de nia administranto, kiu estas la animo de nia laborkomitato, nia laboro iom stagnis.

Nun li ree estas sana, mi esperas. *B.*

# Instruista Semajno en Esperanto Domo (Arnhem)

*Programo*

25 Julio. Alveno. Akcepto de la Arnhemaj Esperantistoj. Interkonatiĝa vespero.

26 Julio. Vizitado de la ĉirkaŭaĵoj de Arnhem. Prelego kun lumbildoj de sro Boltjes pri la senakvigado de la Suda Maro (Zuiderzee).

27 Julio. Promeno al la Rejno ĉe Arnhem. Vizito al sub-ĉiela lernejo. Vespera TAGE-kunveno kun festprogramo post la 10-a.

28 Julio. Tuttaga ekskurso per aŭtobuso al la granda digo en la Suda Maro.

29 Julio. Promenado kaj malgranda ekskurso en la ĉirkaŭaĵo. Prelego de Pastro Cseh pri sia metodo de Esperanto-instruado.

30 Julio. Vaporŝipa ekskurso sur la Rejno. Verŝajne prelego de f-ino Elinjo Pähn (Csehmetoda instruistino el Estonio) pri organizo de la junulara Esperanto movado.*) Vespere vizito al »Royal« luksa kafejo.

31 Julio. Vizito al la urbdomo kaj granda magazeno. Posttagmeze vizito al subĉiela muzeo kaj (aŭ) zoologia ĝardeno. Vespere amuza vespero kun festprogramo.

1 Aŭgusto. Forveturo.

La partopreno al la TAGE-semajno kostas por TAGE-anoj 1.50 ned. guldenojn (por ne-anoj 4 ned. guld.).

Partopreno al la diversaj ekskursoj estos libervolaj. Entute la kostoj estos proks. 7.50 ned. guld.

La restadkostoj en la Esperanto Domo estas por plena pensiono: 1 pers. ĉambro 3.50 gld. tage, 2—4 pers. ĉambro 3.— gld tage, 5-pli pers. ĉambro 2.50 gld tage. Estas nur malmultaj unulitaj ĉambroj kaj la plimulto estas 2—4 personaj, sed ĉiu lito estas apartigata per kurtenoj.

La laborkomitato de TAGE instigas la partoprenontojn sendi

*) F-ino Elinjo Pähn skribis al ni:

»Jam delonge min priokupas la organizo de la junulara Esperanto-movado. Nia celo ja estas enkonduki Esperanton en la lernejojn, sed ĝis nun ni ne iris ĝustan vojon. Ni nur instruis la lingvon sed ne instruis la infanojn uzi ĝin. Ni forlasadis la junajn amikojn de Esperanto en la mezo de la vojo kaj ili, malfortaj ankoraŭ, ne sciis sekvi ĝin ĝis la fino. Miloj kaj miloj perdiĝis. Kaj nek la lernej-estrarojn, nek la gepatrojn ni konvinkis pri la neceso kaj utileco de nia lingvo. Mi havas kelkajn ideojn, sed por efektivigi ilin estas necesa komuna laboro de energiaj kunlaborantoj. Kaj jen bona okazo! Kion pensas vi pri la afero? Ĉu vi konsentos mian partoprenon en la programo? Pri la supre menciita temo. Poste en komuna laboro ni jam povos ellabori la efektivigon de la organizo.«

baldaŭ sian aliĝon kun indiko, kian ĉambron ili preferas, sendante samtempe la partoprenkostojn (1.50 aŭ 4.— gld) al sro Korte, Veendam (Nederlando) poŝtĉekkonto 90544.

# Oksfordaj Kongresoj Instruistaj

(10—17. aŭgusto 1935.)

De la organizanto de la samtempaj oksfordaj kongresoj (vidu IPR, 14 paĝo 12 (1935), TAGE ricevis la peton partopreni kaj delegi oficialan reprezentanton. Ni petis f-inon Nixon, Bournville, Birmingham, kaj kun granda danko ni ricevis la sciigon, ke ŝi bonvolas doni sian libertempon por reprezenti TAGE en tiuj gravaj konferencoj.

Al la Esperantistaj kolegoj, kiuj partoprenos la konferencojn ni konsilas sendi tuj sian nomon kaj adreson al f-ino Chaundy, 21, Gray's Road, Headington, Oxford.

F-ino Chaundy, membro de TAGE kaj de la loka organiza komitato de la konferencoj, informos vin pri loĝejoj. Ŝi sciigis al ni, ke la Oksforda Esperanto klubo volas disponigi sian klubĉambron (47, Broad Street, Oxford) al Esperantistoj, partoprenontaj la konferencon, kiel kunvenejon.

# *Milito kaj Darvinismo*

La komitato de la Nederlanda Asocio por la progresado de la kuracarto, rilate al la profilaktiko de la milito sendas al ni la sekvantan artikolon por presigi.

*

Ĉiam denove oni legas kaj aŭdas, ke la milito estas la natura sekvo de la leĝo de Darvino; ke ĉiam estas estinta milito kaj ĉiam milito estos.

Ĉi tio estas la naiva rezonado, la facila diro, per kiu tiom multe ankaŭ respondecaj diplomatoj kaj militistoj malembarasas sin de la problemo kaj de la respondeco.

Ĉi tiu koncepto pri la milito estas riska heredaĵo de la antaŭa centjaro. Profesoro Nicolai (Nikolai) klare montris tion en sia grava verko »Die Biologie des Krieges« (La biologio de la milito).

Kiam Darvino estis publikiginta sian doktrinon pri la »struggle for life« (batalo por vivo) kaj la »survival of the fittest« (postvivado de la plej forta) ĉi tiu doktrino ofte estis erare komprenata kaj sekve erare kaj trorapide aplikata al ĉiaj terenoj, kiuj estis surpaŝataj de la scienco.

Kion signifas »Postvivado de la plej forta?« Postvivado de la plej kapabla t. e. de tiuj specoj kaj individuoj, kiuj estas plej kapablaj

akomodi sin al novaj aŭ malfacilaj vivcirkonstancoj, kiuj minacas la pluan ekzistadon. Ĉi tiu kapableco nun ne dependas unualoke kaj ankoraŭ malpli ĉiuokaze de la forto kaj de la batalvaloro de la speco aŭ de la individuo.

Certe estas bestspecoj, ekz. rabobestoj, por kiuj la batalvaloro estas decida faktoro en la batalo por la ekzistado, sed ĉi tio ne estas aplikebla al ĉiuj specoj. Tiel ekz. la ĝirafoj kun la plej longaj koloj, la erinaco kun la plej fortaj pikiloj, la kunikloj kun la plej ŝirma koloro; la leporoj kun la plej fortaj piedoj kaj la testudoj kun la plej dikaj kirasoj havos la plej bonajn ŝancojn por la plua ekzistado en malfacilaj cirkonstancoj.

En malfacilaj cirkonstancoj estas ecoj, kiuj ofte tute ne rilatas al la batalvaloro; kiuj por la speco decidas ilian gradon de kapableco por la batalo pri la ekzistado. Kio precipe gravas, estas, ke tiuj specoj kaj tiuj individuoj, kiuj havas sufiĉan akomodiĝemon al ŝanĝitaj kaj danĝeraj cirkonstancoj, plej sukcese batalas por la ekzistado.

*

Se oni elirus de la doktrino de Darvino, tiam ankaŭ la sorto de la homaro estus difinata de ĝia grado de akomodiĝemo, kiu ne dependas de ĝia grado de batalkapableco kaj militista forto, tamen pli multe de tute aliaj faktoroj, kiel la socia instinkto, la kolektiva emo al sinkonservo kaj la koncepto de la realo.

En la milito malnovaj prainstinktoj ludas grandegan, kvankam ofte kaŝitan rolon. Jen estas unue la batalinstinkto, kiun la homo havas en si, kiel heredaĵo de siaj sovaĝaj pragepatroj, kiuj batalis kontraŭ la kavernurso kaj la mamuto.

Prof. Nikolai ekrimarkas, kiel ĉi tiuj malnovaj instinktoj same kiel ĉio, kio estas malnova, tial ke ili estas malnovaj, ĝuas ankoraŭ la specialan favoron ankaŭ de la moderna homo, kaj estas rigardataj de li, kiel neeviteblaj kaj en esenco utilaj. Sed kontraŭ tio li metas la fakton, ke instinkto povas fariĝi malutila al sia posedanto, kiam ĝi ne povas akomodiĝi, kaj aliformiĝi laŭ ŝanĝitaj cirkonstancoj.

Instinkto ja estas blinda, kaj kondukas al aŭtomataj kaj stultaj agoj, kiam ĝi ne estas korektata aŭ malhelpata de aliaj instinktoj aŭ de la racio.

Tiamaniere la papilio, kiu laŭ instinkto serĉas la lumon, trovas la morton kontraŭ la ardanta lampo.

La homaro, kiu estas puŝata al la milito de siaj atakemaj instinktoj kaj malnoviĝintaj ideologioj, havas ankoraŭ malmulte da koncepto pri la tute ŝanĝitaj kondiĉoj de la milito. La batalinstinkto, kiu en la pratempo povis lasi liberan bridon al si per ungoj, bastonegoj aŭ lancoj, faras nun uzon de la elektro-motoroj kaj gasoj en la modernaj militoj; kaj ĝi montriĝos mortiga posedaĵo por la homaro, kiam evidentiĝas, ke ĉi tiu ne sufiĉe povas akomodiĝi al la novaj cirkonstancoj,

kreitaj de la tekniko, kaj montriĝas, ke ĝi ne posedas sufiĉe da koncepto pri la realo por kompreni la grandan danĝeron.

Ĉi tiu danĝero kuŝas en la fakto, ke batalemaj aŭ atakemaj prainstinktoj kaj malnovaj ideologioj uzas la produktaĵojn de la plej akrigita racio.

*

Sekve estas necese, ke oni komprenu, ke la malnovaj militideologioj, la malnovaj devizoj pri honoro kaj heroeco ne plu estas aplikeblaj al la moderna milito, ke eĉ la malnovaj prainstinktoj restos nekontentigitaj, kiam oni estas sufokata per gaso de nevidebla malamiko aŭ bruligata per temperaturo de 3000 gradoj aŭ kiam oni faras tion ĉe aliaj. (Wells, Shape of things to come) (skizo de okazontaĵoj). Oni devas forigi la malnoviĝintajn kaj tial malutilajn ideojn kaj ne nur kompreni la realon per la racio, sed ankaŭ prilabori per la sento. Ĉi tio ne estas agrabla, sed ordona postulo por la kolektiva sinkonservo: Kiel evidentan ekzemplon de absurda militideologio mi nomas la diron, ke la milito estas por la viro, kio estas la patrineco por la virino.

Sendube kaŝiĝas en ĉi tiu devizo granda demagogia forto same rilate al la vira kiel al la ina junularo kaj ĝi estas taŭga akceptigi la militbudĝeton kaj plenigi la sakojn de la armilindustriuloj.

Oni tial proklamas ĝin kun kelkaj varioj ĉe diversaj grandaj nacioj.

Kolonelo René Quinton (Rene Kvinton) diras ion tian en sia verko: »Maximes sur la guerre« (Fundamentaj reguloj de la milito), libro kiu evidente estas la produkto de homo, kiu suferas pro morala frenezeco.

Ankaŭ von Papen kaj ankoraŭ antaŭ nelonge Mussolini elparolis ĉi tiun venenan parolon. Aplikita al la moderna milito ĝi signifus, ke estas pli vire partopreni la teknikan kaj kemian elmurdon ol kontraŭbatali tiun frenezecon, kaj streĉi la fortojn por gardi la grizharulojn, virinojn kaj infanojn pro tio. Grava demando estas, kio estas pli malnova: la batalema aŭ la sociala instinkto. Dr. van de By kaj aliaj antropologoj montris per ampleksaj esploroj, ke la socia instinkto de la primitiva homo almenaŭ estas tiel malnova kiel la batalinstinkto. Ĉe multaj primitivaj gentoj kaj popoloj ili trovis fortan socian instinkton kaj malamon al reciproka batalo.

*

Estas do kialo forlasi la koncepton, ke la homo laŭ deveno estas rabeca estaĵo, kiel Spengler sen pruvo anoncas kaj konsiderante la fortan primitivan instinkton socialan de la homaro, oni povas fidi la finfinan venkon de ĉi tiu paca instinkto.

Baziĝante sur suprenomitaj faktoj oni fine devus dekutimigi sin de la erara koncepto, ke la milito estas neevitebla sekvo de la doktrino de Darvino, kontraŭe estas evidente akcepti la konvinkon, ke laŭ la Darvina doktrino pri la plua ekzistado de la plej kapablaj, la forigo

de la milito estas logika kaj necesa aranĝo de la adaptiĝo al la ŝanĝitaj cirkonstancoj, kreitaj de la moderna tekniko.

Kiu legis la prelegojn faritajn en la angla parlamento, kie i. a. Winston Churchill kaj Baldwin forte prilumis la minacantajn danĝerojn kaj priargumentis la neeblecon por iom sufiĉe protekti mondurbon kontraŭ atakoj el la aero, vidos, kiel malutila la agresiva instinkto fariĝas por la homaro, uzante la modernan teknikon se akomodiĝemo kaj socia instinkto ne venkas kaj kondukas al forigo de la milito. Tiu konvinkiĝos, kiom da simileco estas inter la homaro ĵetanta sin en modernan militon, kaj papilio, kiu trompita de instinkto bruligas siajn flugilojn kontraŭ la ardanta lampo.

*

Artikolo de Dr. J. Roorda, aperinta en la Nederlanda ĵurnalo »Het Vaderland« Esperantigis F, Weeke, Meezenlaan 41 Den Haag.

---



## „Centra edukado"

Kiam mi legis la artikolon en IPR n-ro 1 pri »Centra edukado en la angla kamparo« mi diris por mi mem. »La problemoj pedagogiaj certe estas internaciaj.« Ankaŭ en Svedujo ni laboras por centrigi la lernejojn en la vilaĝoj. Antaŭe la kamparanoj konstruis multajn malgrandajn lernejojn, ĉar ili ne ŝatis tro longajn vojojn por la ĉiutaga vizito lerneja. Nun oni komencis fermi malgrandajn lernejojn kaj transportas aŭtomobile la infanojn al pli granda lernejo. Oni estas sur prava vojo. Nur malgranda ekzemplo. Nia paroĥo estas ĉirkaŭ 30 kilometrojn longa sed nur 5—7 kilometrojn larĝa. En la tuta paroĥo estas nur 4000 enloĝantoj. Ni havas 23 geinstruistojn kaj 500 gelernantojn. La lernejoj estas en 10 malsamaj lokoj. Nun ni komencas centrigi. La ŝtato pagas la vojaĝkostojn se oni fermas malgrandan lernejon kaj sendas la lernantojn al pli granda lernejo. »Sed oni ne konstruis Romon en unu tago.« La instruon en kuiro kaj kudro ni jam centrigis. Modernan kuirejon ni havas nur en unu lernejo, do la infanoj el la tuta paroĥo venas aŭtobuse al tiu lernejo. Dum 6 semajnoj ĉirkaŭ 15 knabinoj tie studas kuirarton. Poste venas denove aro da knabinoj k. t. p.

Fine mi volas diri, ke ankaŭ la svedaj lernejoj ricevas specialan radioprogramon, ni ankaŭ uzas filmon kaj lumbildojn en nia instruado.

*F. Ahnfeldt.*

## La unua Sveda lernejo kun la ĉielo kiel tegmento

**Arbetaĵo kaj geologiaj specimenoj kiel muroj**

Stockholm (Sved-Internacia Gazetservo)

Ĉi-somere oni malfermos la unuan organizitan liberaeran lernejon en Svedujo. Ĝi troviĝos ĉe Kvislinge en la regiono de Kristianstad. La grundo de la lernejo ampleksos ĉ. 40 arojn.

Oni diversmaniere kaj laŭcele aranĝis la grundon. La »klasĉambron« limigos unuflanke muro el geologiaj specimenoj el tuta Svedujo kaj aliflanke arbeta densejo.

Unu angulo de la tereno havas kolekton de arboj, inter kiuj troviĝas la plej multaj specoj de Skandinavio, kaj oni rezervas lokon por kulturi diversajn medicinajn herbojn kaj grimpoplantojn.

La »klasĉambro« havos ordinarajn benkojn kaj la alian ekipon de subtegmenta lernejo. Por la lernantoj troviĝos ankaŭ ludejo.

---

## Nova metodo por lernigi legadon kaj skribadon

*Max Heinrich, Potsdam*

Kial malfacilas al niaj karaj abocoŭloj, lerni legi kaj skribi? Respondo: ĉar la pres- kaj skribliteroj ne estas same simplaj kiel la analogaj parolsonoj. Parolante oni diras per nur unu ritmoparto tutan *silabon*. Sed kiom da strekoj, bantoj kaj punktoj oni bezonas, skribante nur iun ajn *literon!* Aliaj kaŭzoj: Ni devas lerni 4 alfabetojn, nome la grandajn kaj malgrandajn pres- kaj skribliterojn, kaj ni devas eĉ skribi literojn, kies sonojn oni parolante tute ne aŭdas! Komparu la sonojn kaj ties skribitajn (latine) literojn! z = havas 3 signojn; i = 4; g = 5; k = 6; m = 7; sch = 11 signojn! Pro tiuj kaŭzoj la skriblernado estas malfacila.

Ideala estus skribo, kies literoj estus tiel simplaj, kiel la sonoj, kaj tia skribo feliĉe jam ekzistas, nome la simpligita »Internacia Steno«, ankaŭ nomita germane »Wurzelschrift« = radika skribo; ĉar per iliaj

signoj oni povas skribi ĉiujn literojn de la alfabeto, aŭ: el iliaj signoj elkreskas la longskribo kiel arbo el radiko. Ĝi havas nur unu alfabeton; skribas nur, kion oni aŭdas, kaj ĉiu litero estas tute simpla signo.

Ankaŭ malfacile estas lerni legadon. Ni ordinare lernas kaj legas unue presliterojn, tiam vortojn, frazojn kaj fine rakontojn, do laŭ la sinteza maniero. Malfacile estas legante kunligi la literojn al vortoj, precipe sensonajn konsonantojn kun vokaloj, ekz. = ta te ti, da de di... pa pe pi...ba be bi... Sed tiu metodo estas enuiga por la infanoj, ĉar ili volas aŭdi kaj skribi ne unuopajn vortojn, sed belajn frazojn kaj rakontojn; kaj kiel longtempe daŭras, ĝis kiam ili povas fari tion, eble $1/2$ aŭ $3/4$ jaron!

Sed la radika skribo analize *komenciĝas* per rakonto, kaj dispartigas ĝin en frazojn, vortojn, silabojn kaj fine en literojn. Tio estas multe pli facila kaj interesa por la infanoj. Ĉar tutajn frazojn kaj vortojn belajn ili pli facile retenas ol nur literojn. Mi volas doni ekzemplon (en Esperanto):

1) I-a leciono: (La frazojn oni skribu unu sub la alian!) La nazo estas bela. La nazo estas bona. La nazo estas longa. La nazo ne estas dika. La nazo estas sana.

Oni parolante skribu ĉi tiun rakonton sur nigran tabulon! (La infanoj baldaŭ ankaŭ povos legi ĝin. Ili tuj vidos kaj ekkonos la dispartigon en frazojn kaj vortojn. Tiam oni ankaŭ dispartigu (vortojn en silabojn, ekz.

2) na zo, be la, bo na, lon ga, di ka, sa na. Por tiu celo oni diras: Nun mi skribos »nazo«, (sed fakte oni skribu nur »na«). Kio mankas? Kiu el vi povas skribi »zo«? — Nun mi skribos »estas« (fakte nur »esta«). Kio mankas? Kiu povas skribi »s«? Ktp.

3) II-a leciono: La klaso estas bela. La klaso estas varma. La klaso estas granda. La klaso estas hela.

4) III-a leciono: La haroj estas longaj. La haroj estas brunaj. La haroj estas maldikaj. La haroj estas molaj.

Se oni havas jam kelkajn literojn, oni kunmetu ilin en sistemon laŭ vokaloj kaj konsonantoj! Ekz. laŭ la I-a leciono

5) *V:* a e o i *K:* l n z s b st g k

II-a: *K:* g r d. III-a: *V:* oj, aj, u *K:* m

6) Post la 3-a leciono oni provu interligi sonajn konsonantojn kun vokaloj; ekz. 6 la le lo li; za ze zo zi; sa se so si, na ne no ni; sed nur multe pli malfrue ankaŭ sensonajn konsonantojn kun vokaloj: sta ste sto sti; ba be bo bi; ka ke ko ki.

Ĉi tie mi faras ŝercrakonton: La dikaj strekoj (la vokaloj) estas viroj, la maldikaj (konsonantoj) estas virinoj. La viroj (povas paroli: a e o i u, sed la virinoj estas mutaj: st, p, b, k, g. Sed kiam ili edziniĝas al la viroj, ili povas kune paroli: sta, ste, sto, sti, stu; ga, ge, go, gi, gu ktp.)

Ĉu oni ne ankaŭ povas apliki ĉi tiun analizan metodon por la longskribo? Tio estos apenaŭ ebla, ĉar la frazoj, vortoj kaj eĉ la literoj estas tro longaj, tro malsimplaj kaj ne samklaraj.

En Germanujo oni jam faris multajn provojn per ĉi tiu radika skribo kaj kun kvinjaraj geknaboj, (ĉar la 6 jaraj devas ĵja viziti la lernejon!), nome en Rejnlando, Turingio kaj Potsdam. Sed ni tre ĝojus, se ni ankaŭ povus fari tiajn provojn kun tutaj klasoj de 6 jaraj infanoj.

La gepatroj de la provinfanoj plejofte kunlernis kaj ĝojas, ke iliaj infanoj tiamaniere pli rapide kaj pli facile lernas legi kaj skribi kaj kun pli granda ĝojo, ĉar ili ja baldaŭ povas legi belajn frazojn kaj rakontojn. Ili ankaŭ pli rapide, sed tamen laŭnature, evoluas.

Miaj du provinfanoj (la knabino komencis 5½ jara, la knabo 5 jara) povis legi kaj skribi post tri monatoj; tuta klaso, mi pensas, povos fari tion post ½ jaro. En la tria kvaronjaro la infanoj povos lerni la presliterojn kaj legi presitajn rakontojn, kaj en la lasta kvaronjaro ankaŭ lerni la longskribon. La lastan skribon ili devas lerni kaj ekzerci kiel ornaman skribon, dokumentan, trafikan, komercan kaj juĝejan skribon. Sed la radikan skribon ili povos reteni la tutan vivon por skribi rapidajn notojn, protokolojn, stilajn taskojn kaj verketojn.

Infanoj, lernintaj la radikan skribon, tre facile lernos la longskribon. Ne, ili jam povas ĝin skribi sen scii ĝin, ĉar la signoj de ambaŭ skribaĵoj estas ja la samaj. Do, se mi ekzemple diktus silabe al ili: Skribu sur la nigran tabulon: »tifstopopetepöfaŭpöpapetetep«, kion vi, la plenkreskuloj, tiam legus? »Veendam!« latine skribite.

Ankaŭ en pli altaj klasoj la radika skribo povas servi al instruisto kaj gelernantoj. La instruisto povos ekzemple dikti tekston kaj poste diri: »Hejme vi traduku ĉi tiun stenografaĵon en vian gepatran (aŭ anglan, francan, latinan) lingvon! La rapidajn notojn kaj stilajn taskojn ni jam menciis.

Certe vi volas ankaŭ scii, kiu inventis ĉi tiun belan kaj bonan radikan skribon? Estas generalo F. von Kunovski en Potsdam, Birkenstrato 8. Li aperigis ĝin jam en 1898 kaj adaptis ĝin al 21 lingvoj: la angla, nederlanda, franca, hispana, itala, pola, rusa, sveda, dana, esperanta, portugala, rumana, greka, latina, serba, bulgara, ĉeĥa, hungara, ukrajna, turka kaj japana lingvoj.

Estis kaj estas granda ĝojo por mi instrui la kvinjarajn infanojn, malgraŭ ke mi estas jam 63 jara, kaj mi volonte dezirus la saman ĝojon ankaŭ al multaj aŭ eĉ al ĉiuj kolegoj en la tuta mondo! Por germanaj infanoj ekzistas jam tre bela kaj bona radikskriba alfabetlibro (kun multaj bildetoj) de doktoro Szymanzig (prezo 1.20 RM, inkluzive afrankon). Ĝi kaj aliaj koncernaj presaĵoj estas haveblaj ĉe doktoro J. Höke en Wuppertal-Elberfeld, Germanujo, Jägerhofstrato 17.

1 la leciono:

La nazo estas bela.La nazo estas bona.La nazo

estas longa.La nazo ne estas dika.La nazo estas sana.

na zo,be la,bo na,lon ga,di ka,sa na.na?nazo+.esta,est as

2a leciono:

La klaso estas bela.La klaso estas varma.La

klaso estas granda.La klaso estas hela.

3a leciono:

La haroj estas longaj.La haroj estas brunaj.

La haroj estas maldikaj.La haroj estas molaj.

4 Litersistemo:XXI)V:

Via e o i K:l n s s b st g k.

2)V:-K: 3)V: K:

V:-K:g r d V:oi aj u K: n

5 Interligajoj:

la le lo li;za ze so si;sa se so si;na ne

no ni;sta ste sto stijba be bo bi;ka ke ko ki stu bu.-

# LIBROJ

»Esperantsky Dopisovatel — Esperanto-korespondanto.« La aŭtorino estas F-ino J. Supichová, Praha II. Malá Štepánská 6, Ĉeĥoslovakujo.

La praktika libro kostas nur Kč. 12.— aŭ 2 svisajn frankojn afrankite. Ĝi volas helpi al la komencantoj-korespondantoj. El la enhavo mi citas la ĉapitrojn:

I. Privataj leteroj. II. Komercaj leteroj. III. Pri Esperanto. IV. Landnomoj. V. Mallongigoj. VI. Mallongigoj de diversaj Esperanto-organizaĵoj kaj entreprenoj. VII. Diversaj modeloj. VIII. Vortareto. Kompreneble mi povas juĝi nur pri la Esperanto-teksto. Ĝi estas bonega.

La eldonisto estas:
Nakladatel Josef Svoboda, Praha-Pankrác, Ul. 1. listopadu 796.

**Nova biografio pri Zamenhof.** La 2-a n-ro de HUNGARA HEROLDO (Mezeŭropa Revuo) aperis sur kvindekdu paĝoj. Ĝi enhavas la novan biografion de L. L. Zamenhof, pretigitan ĉefe laŭ lia ĝis nun nepublikigita longa letero al A. Michaux; multaj interesaj novaĵoj. Alia artikolo detale konatigas la literaturan agadon de Zamenhof. La aŭtoro de ambaŭ artikoloj estas G. Waringhien. La teksto estas represo (kune kun la tuta litero Z) el la ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO, jam finredaktita. Aliaj pli gravaj artikoloj de la tute en Esperanto redaktita revuo: Konfesoj de A. Forel, Polaj-hungaraj rilatoj, La stenografio en Hungarujo, Informoj pri la hungara kulturo, ekonomio kaj turismo, 3-paĝa virina rubriko, kritikaj notoj pri la Esperanto-movado, literaturo ktp. La revuon redaktas L. Kökény, la redaktoro de la Enciklopedio. Jara abono: tri svisaj frankoj. La 2-a n-ro estas ricevebla por tri respondkuponoj. Adreso: Budapest X., Pongrác-ut 17. F.-6.-3.

**Hugo Steiner, Freude durch Esperanto!** Ein Lehrgang für Kurse und Selbstunterricht. Eldono: Das kleine Volksblatt. Wien VII. Prezo 2.— ŝilingoj.

Nova lernolibreto por germanlingvanoj. Ĉu necesas? Ĉar ja ekzistas, kiel la enkonduko mencias, multaj en la germana lingvo. Niaopinie ĉi tiu libreto ne estas pli bona nek pli malbona ol multaj aliaj. Kelkajn rimarkojn ni volas aldoni. En lernolibro por Selbstunterricht (meminstruado) estas absolute necese, ke la lernantoj ne renkontu konfuzaĵojn. Rilate al tio ni mencias kelkajn vortojn, kiuj en la tradukita tasko tekstas alie ol en la vortlisto. Ekz. Zeitunterschied estas en vortlisto intertempo, en la traduko tempo-diferenco: Bahnschaffner = konduktoro kaj fervojisto, dum koncernas pri kontrolisto ĉe la enirejo de la perono.

Kial uzi la neologismon: starti anstataŭ la bona vorto: ekveturi? Ni trovis krome ĉina (por chinesisch) dum ĥina estas trovita en vortlisto, sed ne uzata en la traduko. En la Aŭstria Ligo-himno staras la ne-oficiala sufikso -io por landnomo. Nur -ujo estas menciata en la gramatika teksto. M.

**Historio pri la skismo en la laborista Esp.-movado. Dokumentaro,** kiu montras la kaŭzojn kaj respondecojn kaj preparas la bazon por unueca agado.

20 paĝoj — formato 13×19 Prezo: 2 fr. fr.

Eldonejo: SAT, 64, Avenue Gambetta, Paris-20. Io por tiuj, kiuj interesiĝas pri la Esperanto-movado, ĉu neŭtrala, ĉu partia, ekz. la kandidatoj por la ekzamenoj por instru-kapableco.

**Norda literaturo.** Kolekto de literaturaj verkoj el Norda-Eŭropo. Redaktas T. Indra, ĉef-delegito de U. E. A. por Latvio. Eldonas K. Strazds, Jelgava, Latvio, p. k. 51. La unua 84-paĝa kajero kostas: en Latvio, Estonio kaj Litovio Ls 0.50, alilande Ls 0,65 enkalkule la transsendon. Ls (Lato) egalas Svisan frankon. La eldonejo havas reprezentantojn en diversaj landoj, ekz. ISOSEK. Lingvo kaj stilo estas bonaj. Speciale frapis min la lasta rakonto: Homlupo de August Gailit, tradukita de Henr. Seppik.

Nur la papero ne tre taŭgas.

**E. Drezen: Pri problemo de internaciigo de science-teknika. terminaro.** Historio, nuna stato kaj perspektivoj. Raporto akceptita de la Komisiono por teknika terminologio ĉe Sovetunia Akademio de sciencoj kaj de la Konferenco de ISA (Internacia asocio de normig-asocioj) en Stockholm, 1934. Eldono de »Standartizacijai Racionalizacija« kaj »Ekrelo«. Moskvo-1935-Amsterdam. El rusa lingvo tradukis A. Samojlenko. Tre, tre grava, leginda, bone verkita kaj bone tradukita libro.

**Vivo de Arnaldo.** Benito Mussolini verkis, Literatura Mondo eldonis ĝin. Tradukis el la itala: K. Kalocsay. La esperanto-eldono de tiu ĉi libro aperas post la propono de s-ro Ugo Pacini, per la financaj rimedoj de s-ro Gino Catarzi, per la afabla interveno de la Esperanto-Centro Itala ĉe la posedanto de eldonrajtoj, la »Popolo d' Italia.« Sur la lastaj paĝoj ni trovas la testamenton de Arnaldo Mussolini.

La libro havas historian valoron, ĉar Benito Mussolini, »il Duce«, estas la aŭtoro.

Cezaro (romano) de Mirko Jelušić. El la germana kaj kroata tradukis Ivo Rotkvić. Literatura Mondo presis ĝin laŭ komisio de la tradukinto, kiu do eldonis mem la libron. (5-a libro de AELA 1934.)

Komence mi diris al mi mem: Ne estas eble kunpremi la vivon de Cezaro, la fama armeestro, en unu romano. Lia vivo estas tro riĉenhava. Mommsen, la fama germana historiisto pravas, kiam li skribas: »Jen, tia estas tiu unika viro, kies prezento ŝajnas tre facila, sed vere estas senlime-peniga. La sekreto kuŝas en lia perfekteco.«

Sed, mi konfesu, la libro plaĉis al mi, ankaŭ kiel romano. Tamen, pli ol la romanon, mi admiras la esperanto-tradukon. Ĝi vere estas majstra. Aĉetu la dikan libron, (536-paĝa, formato 13×20 cm. Prezo 9.— svfr.) kaj vi admiras kiel mi la multajn trafajn esprimojn. En Nederlando la ekzamenkomitato rekomendis ĝin al la kandidatoj por la B-diplomo (por instrukapableco). La traduko meritas tion.

El Meksiko ni regule ricevas: Renobasion — sentro neográfiko. Ĝi enhavas esperantan sekcion sub la gvido de Jesus Amaya.

En la dimanĉa eldono de »Das kleine Volksblatt« jam de pli ol unu jaro regule aperas duonpaĝa Esp.-angulo (en germana lingvo kaj Esp.), redaktata de la konata reg. kons. Steiner.

Margarete Noll: Ĉu vi deziras korespondi? Date-K›penhavn. Dekdupaĝa-praktika libreto.

---

# KRONIKO

## POLUJO

La Dektria Internacia Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo okazos en Pollando en julio 11—24 1935. Ĝi estos aranĝata en Spala (Spaŭa) en la somera rezidejo de la Prezidanto de Pola Respubliko. El la Bulteno ni represas kelkajn esprimojn. Eble la listo povas servi al kolegoj, kiuj instruas skoltojn. Jen la adreso de la organiza komitato:

La Organiza Komitato de S. E. L. Tendaro Pollando, Kraków, Lelewela 9. m. 2.

**La ĉefaj skolt-esprimoj en tendaro kaj ekzerco**

| | | |
|---|---|---|
| Skolto, —estro | pioĉo, hakilo | ripozu, |
| trupo, —estro | fosilo, hakilo | dekstren, |
| svarmo, —estro | fosilo, fosaĵo, | maldekstren, |
| roto, —estro | malhelpaĵo, barilo, | — rigardu |
| oficiro, | ornamo, girlando, | — salutu |
| suboficiro, vicrotestro, | trinkbotelo, | turniĝu |
| ĉefskolto, | gamelo, manĝpoto | returniĝu. |
| gvidanto, | jakĉemizo, | direkto, |
| interpretisto, | genupantalono | — post |
| signo, signado, | ĉapelo, ĉapo | — rekte |
| insigno, lilio, | stipo, | — la kolono, |
| flago, standardo, | provo, provsigno, | — la bastono |
| hisi, suprenlevi | promeso, jaro, | ekmarŝu, |
| la flagon, | savo, unua helpo, | kuru, |
| trumpeta, sono, | Atentu, | kuradu, |
| tendo-aro | viciĝu, | paŝu, |
| tendhoko, floko | rektiĝu | haltu, |

klinu,
genufleksu,
kuŝiĝu,
ekstaru,
ekzercu,
brakojn levu,
— alten,
— dekstren,
— m. dekstren
antaŭen, kliniĝu,
atentu, raportu,
prezentu
Mi raportas respektplene, ke la trupo (svarmo) konsistas el... personoj

Duonsvarm-kolono
lupido, lupidestro, paĝio
ĵamboreo, tendarestro,
tendarfajro,
oficejo, kontoro,
laŭtparolilo, radio, mikrofono, telefono
telegrafo, aŭskultilo,
morse signado, flagsignado
luma, lumigo,
ordo, ordono, sendinto,
anonco, afiŝo,
anonctabulo,
montriltabulo,

vojmontrilo,
oficisto, kaso, kasisto,
vendejo, vendisto, banko,
monŝanĝo, valuto,
valoro, fremdmono, kurso,
gvido, gvidisto, fremdulo,
klarigo, traduko,
ludo, ludejo,
kanto, ĥorkanto,
orkestro, muziko, instrumento,
preĝo, altaro
disciplino, rigoro
agento, delegito.

## NEDERLANDO

Krom la internacia kunveno de esperantistaj geinstruistoj okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem:

1. Internacia perfektiga kurso (8—13 Julio 1935). Komunaj ekskursoj. Kotizo 6 gld. Komuna kotizo por la seminario kaj perfektiga kurso nur 10 gld.

2. Seminario por Cseh-metodaj instruistoj. (15—20 Julio 1935). Kotizo por la seminario kaj ĉiuj alligitaj aranĝoj 6.— gld.

3. Vizitoj de britaj karavanoj. (3—11 kaj 17—25 Aŭgusto). La karavanojn organizas la Brita Esp. Asocio. Plena pensiono (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu persono kaj por unu tago: en unu-lita ĉambro 3.50 gld. en kvin — ĝis dek-lita ĉambro 2.50 gld. (La litoj estas apartigitaj per kurteno).

Adreso por aliĝoj kaj informpetoj:

Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Riouwstraat 172, Den Haag, Nederlando (Telefono 556677) Poŝtĉekkonto: Den Haag 162626.

## DANUJO

**Internaciaj Feriaj Esperanto-Kursoj en Silkeborg, Danlando.**

1. Kurso por geinstruistoj-komencantoj 21.—30. 7. 1935.

2. Kurso por progresintoj 1.—10. 8. 1935.

3. Prepara kurso por Cseh-metodaj instruistoj 1.—10. 8. 1935.

La unuan kurson (nur por diversnaciaj geinstruistoj, kiuj deziras lerni Esp'on) gvidos la eminenta Cseh-metoda instruistino F-ino M. Saxl, Berlin. Ĉiuj profesiaj geinstruistoj povos ĝin partopreni (Eksterlandaj geinstruistoj estas petataj publikigi ĉi tiun kurson en siaj naciaj fakgazetoj).

La duan kurson (por progresintoj) povos partopreni ĉiuj, kiuj lernis Esp'on per elementa kurso, kaj kiuj deziras pliperfektiĝi kaj akiri parolekzercon. Dum kaj ekster la lecionoj estos aplikata nur Esperanto. Jenaj fakoj estos pritraktataj: literaturo, historio, Esperantlingvaj studoj kaj konversacio. La prelegoj kaj konversacio okazos en facila Esp.

La trian kurson (prepara kurso por Cseh-metodaj instruistoj) povos partopreni ĉiuj, kiuj deziras instrui Esperanton per Cseh-metodo. La ĉeffakon, teorion kaj praktikon de Cseh-metodo, gvidos F-ino M. Saxl, speciale komisiita de S-ro Andreo Cseh. Por ke la kursgvidontoj estu kiel eble plej bone informitaj en sia agado prelegos antaŭ ili diverslandaj eminentuloj pri literaturo, historio, organizo, Esp-lingvaj studoj, propagandmanieroj ktp.

Prezo. Ĉiuj kursoj okazos en la Esperanto-lernejo »Kornmod« (Fredensgade 9, Silkeborg), kie ĉiuj partoprenantoj ankaŭ povos loĝi kaj manĝi. La dektaga restado dum ĉiu

kurso (kurskotizo + manĝo + loĝo en dulita ĉambro) kostos nur 45, — d. Kr. (= 24, — Rm. = 14, — nederl. guld = 2 angl. funtojn = 39, — sved. Kr. = 40, — norv. Kr.). Por unulita ĉambro oni pagos 5, — d. Kr. pli Pro la malalta dana monkurzo la 10-taga restado en Silkeborg estos eksterordinare malmultekosta ferio. La manĝaĵoj estos bonegaj kaj la ĉambroj estas belaj kaj puraj. Oni manĝas 4-foje ĉiutage.

Belega tendejo ĉe arbaro kaj lago troviĝas tuj ekster Silkeborg por tiuj, kiuj havas tendon kaj mem deziras prizorgi sian manĝaĵon. Por tiuj la kurskotizo estas nur 10, — d. Kr.

Aranĝoj. La unua kurso estos malfermata la 21'an de julio vespere je la 20'a h., la dua kaj la tria kursoj la 1'an de aŭgusto vespere je la 20'a h.

Cetere la kursoj okazos ĉiutage de la 9'a ĝis la 13a' h. Posttagmeze oni aranĝos komunajn ekskursojn al vidindaj lokoj (per trajno, aŭtobusoj aŭ ŝipo) kaj komunajn promenadojn. Vespere oni aranĝos amuzaĵojn, diskutojn kaj paroladojn.

Silkeborg situas en la koro de Danlando. Ĝi havas 12000 loĝantojn. Belega estas ĝia ĉirkaŭejo. Tuj ekster la urbo oni promenas en ĉarmaj vastaj fagarbaroj. Bluaj lagoj kun velŝipoj kaj remboatoj ornamas la belegan regionon. Neforgesebla estas 10-taga restado en tiu urbo — kune kun multaj diversnaciaj samideanoj en sincere amika atmosfero.

Estimataj gelegantoj! Utiligu do ĉi tiun eksterordinaran okazon por pasigi tre malmultekostan ferion en la plej bela parto de Danlando en internacia rondo da samideanoj, ĉu por lerni la sukcesplenan Cseh-metodon, ĉu por perfektiĝi en nia lingvo. Ankaŭ ne-kursanoj povos pasigi sian ferion en »Kornmod« dum la kurstempo.

La kursojn aranĝas kaj garantias Dana Esperanto Instituto.

Ĉiuj estos bonvenaj!

Aliĝojn bonvolu sendi al

S-r o L. F r i i s, Sekretario de Dana Esp. Instituto, Thyrasvej 15, Aabyhoj, Danlando.

## ĈEĤOSLOVAKUJO

**Grava sukceso.** Eldonisto de pedagogiaj verkoj en Ĉeĥoslovakujo s-o Ant. Dedourek en Trebechovice pod Orebem tiom ekinteresiĝis pri Esperanto, ke li publikigas Esperantokronikon, verkitan de J. Ŝupichová, en sia bulteno »Mesíční Zpravodaj« (eldonkvanto 35000 monate). Por la sama nia kolegino bezonas adresojn de tutmondaj geinstruistoj, kiuj deziras korespondi kun ĉsl. kolegoj. Senpage ŝi publikigos vian adreson. Skribu ĝin tuj ĉu al sinjoro eldonisto aŭ al faka instruistino J. Ŝupichová en Praha II. Malá Ŝtepánská 6, ĈSR.

Alia, ankaŭ tre grava eldonejo, en Praha (adreso: Nákladem Československé Grafické Unie A. S.) presis ĉeflingvan verketon de la sama verkistino: Esperanto, jeho vyvoj a vyznam pro národni ŝkolu.

Ĉi-tiu verko estas speciale skribita por instruistoj kaj enhavas tutan historion pri TAGE, IPR, aliajn gravajn sukcesojn de E. en lernejoj, kritikon de ĉiuj instrumetodoj (ankaŭ Cseh k. t. p.)

J. Ŝ. havis la verketon preta en 1931, sed vane serĉis eldoniston.

Neniu el la multaj instruistaj eldonejoj volis tiam akcepti ĝin, ĉar Esp. estas ankoraŭ »problemo«. Prezo de la bonege presita verketo estas: Kĉ 5 (kaj afranko).

## KOMUNIKOJ PRI TAGE-KUNVENOJ

1. **Roma:** Universala Kongreso. En la TAGE-fakkunveno prelegos s-roj Prof. Musella (Napoli) kaj Beckman (Svedujo).

2. Atentu la TAGE-kunvenon en la Esperanto Domo en **Arnhem.** Interesa programo. Anoncu vin tuj! (Vidu antaŭan numeron de IPR.)

## Abonprezo de IPR

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de TAGE.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guld.

Por 2.50 ned. guldenoj estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | **ŝilingoj.** |
| **Britujo** | 5.— | **ŝil.** |
| **Belgujo** | 37 | **fr.** |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 33 | **ĉ. kr.** |
| **Danujo** | 6 | **kronoj.** |
| **Francujo** | 25 | **frankoj.** |
| **Germanujo** | 4 | **markoj.** |
| **Hispanujo** | 12 | **pes.** |
| **Hungarujo** | 7 | **peng.** |
| **Jugoslavujo** | 75 | **din.** |
| **Latvujo** | 5 | **latoj.** |
| **Norvegujo** | 6 | **kron.** |
| **Polujo** | 8 | **zlotoj.** |
| **Rumanujo** | 180 | **leoj.** |
| **Svedujo** | 6 | **kron.** |
| **Svislando** | 5 | **frank.** |
| **U. S. A.** | 1.50 | **dol.** |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

—

## Agentoj de TAGE

Vian kotizon akceptas. En landoj:

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE, Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstra:** (vakanta)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon. Harrow St., Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeeksche-steenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, gimnazia instruisto, TIRNOVO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio Poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21. Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**DANA:** S. Kr. Nielsen, FEDERICIA Sundegade 3.

**Estona:** vakanta.

**Finnlanda:** Elmi Tamminen. Sitavuorenranta 4. A. HELSINKI.

**Franca:** F. Verot. Rue des Villas. St.-ETIENNE. (Loire). Poŝtĉekkonto: 37421 Lyon.

**Germana:** K. Hofmann, RIESA, Felgenhauerstr. 63. Poŝtĉekkonto : 26379 Dresden.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd. Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Mester-u. 53. V. 7. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Stanko Prvanoviĉ. BENKOVAC (Primorska ban.)

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. Iŝlaŭzas. paŝt. ag. PRIENU. VALS.

**Nederlanda :** M. van Mullem. 0.58. OPHEMERT. kasisto: E. A. Koot, UTRECHT W. v. Noortstr 10. Poŝtkonto nro 176356.

**Nederlanda Hindujo:** vakanta.

**Norvega:** Nils Okland. Rommesveit. Stord.

**Pola:** B. Gluchowski. Św. Wincentego 80. WARSZAWA 24. Poŝtkonto 16992.

**Svisa:** S-ino N. Oumansky. 12 rue Jean-Jacquet. GENÉVE.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. Californie.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Felelős kiadó: Bleier Vilmos. Készítette a Pestvidéki Nyomda Vácon. A nyomdáért Bénik Gy. felelős